

# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas», Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**4a jaro** **Junio 1934** **N-ro 37**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)
APARTADO DE CORREOS 1.089



## ATENTU

**Sendu ĉiam viajn korespondaĵojn al APARTADO DE CORREOS N.º 1.089, MADRID. Gazetoj faru same po DU EKZEMPLEROJ.**

**Enviad toda clase de correspondencia al Apartado dicho anteriormente.**

TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## HISPANAJ VERSAJOJ ESPERANTIGITAJ

### RIMO XXX

Ekmontris larmon la okuloj ŝiaj,
kaj miaj lipoj frazon de pardon';
sed fiero la larmon kaj la frazon,
el okuloj kaj lipoj pelis for.

---

Malsamajn vojojn ŝi kaj mi nun iras;
sed, ĉe l' memor' de nia bela am',
mi pensas: Kial tiam mi silentis?;
kaj ŝi: Kial ne fluis mia larm'?

*Esperantigis:* LUIS SANTAMARINA

### RIMA XXX

Asomaba a sus ojos una lágrima,
y a mi labio una frase de perdón;
habló el orgullo y se enjugó su llanto,
y la frase en mis labios expiró.

---

Yo voy por un camino, ella por otro;
pero, al pensar en nuestro mutuo amor,
aún pienso yo: ¿Por qué no hablé aquel día?;
y ella dirá: ¿Por qué no lloré yo?

GUSTAVO ADOLFO BECQUER

---

## ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 21 de mayo de 1934, se reunió en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2) la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros expresados al margen.

Se aprobaron las actas de las sesiones celebradas el 19 de marzo y el 9 de abril, haciendo la salvedad en la primera de que la petición

de envío de un representante a la Conferencia de Esperanto en Viena, se hizo al Ministerio de Instrucción Pública y no de Obras Públicas, como se consignó por error.

Manifiesta el secretario que no se ha recibido de los vocales regionales ninguna objeción respecto al nombramiento de doña Visitación Martín para el cargo de bibliotecario; en vista de ello, la interesada se hace cargo de su cometido.

Se acuerda asegurar en una Compañía de Seguros «contra incendio, robo y expoliación» los muebles, máquina de escribir y demás efectos de la Asociación.

Todos los acuerdos se tomaron por unanimidad; y no habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: el presidente; el tesorero D. Julián Sosa (que llevaba la representación del vicepresidente D. José Perogordo); el vicetesorero D. Fernando Molina; la bibliotecaria doña Visitación Martín; el vocal D. Carlos de San Antonio; el vicesecretario D. Jacinto Martín, y el secretario.



# ALIA KORTO, ALIA AERO

## de Kolomano Mikszáth

*Tradukis:* NIKOLAO KLEIN

(*Daŭrigo.*)

—Tre malfacila tasko, Moŝto, mi petas por cerbumtempo.

—Ja, ekpensu ĝis morgaŭ kaj ripozu en mia kastelo ĉi tie; estu mia gasto ĝis tiam.

Holubar retiris sin, sed pensadon li ne bezonis, ĝi estis ja klara antaŭ li; gloron soifis lia animo kaj li ne vendas sian famon. Ho, kiel malkuraĝa afero. Li grincis siajn dentojn pro la kolero, ke li al tiu malbona kortego alvenis. La vira kuraĝo estas la sola, kion oni ne povas per mono akiri, kaj ĉi-tie mem la imperiestro provas ĝin fari. Ĉu povas kreski herooj en tia loko, kie simila percepto infektas la aeron?

Dume, imperiestro Frideriko teksis siajn orajn planojn en siaj ĉambregoj, kiel tre bezonas lia filo la virtan nimbuson. Tute bontempe venis tiu Holubar. La famo de la venko de Maksimiliano iros al la

mondo, en kantoj ĝi disrapidiĝos, kaj kortuŝos la hungarojn. Ĉar ĝuste la hungarojn li volis konvinkigi, akiri la tronon por lia filo. La krono mem ja estis foje ĉe li, sed la koroj de la hungaroj ne postvenis, vere ke tiuj ambaŭ devas kune esti. Li provas ja returnite. Li akiros unue la korojn de la hungaroj al sia filo, kaj se li venos en famon de heroo, estas eble, ke tiel la krono postvenos. Tute bontempe estas Holubar ĉi-tie.

Sed Holubar estis tiam jam for. Sub preteksto de promenadrajdo, li forlasis la palacon kun sia servisto kaj poste, hura! for tra la pordego de la urbo, eterne. La gardistoj ne malhelpis. Ili estis germanoj, sekve pedantaj. Rilate de la enveno ili havis ordonon; sed pri la eliro, ne.

Ili iris, iradis, kvazaŭ sen direkto, ĉar li nur tion sciis kiom li volas, sed li jam ne sciis en kian direkton iri. Kun migrantaj kavaliroj, veturantaj nobeluloj li interkonatiĝis dum la vojaĝo, kaj rakontis malkaŝe, ke li iras en la mondon serĉi famon kaj gloron, kaj demandis al ĉiu:

—Kie vivas en niaj tagoj la plej grandaj herooj?

—Do, ĉe ni—respondis la diversnaciaj veturantoj, ĉar ĉiu vulpo laŭdas sian propran felton—. Kaj super ĝi en la kortego de reĝo Matiaso, en Buda.

Ĉar ĉiu diris Buda, puŝante sian propran landon antaŭen, Holubar jam sciis, kien li iru, kaj depost tiam li nur tion demandis:

—En kia direkto situas la fortikaĵo de Buda?

Kiuj sciis, diris:

—De kie la suno venas, kien la Danubo iras, iru nur ĉiam kune kun ĝi kaj kie ĝi jam tiel granda estos, ke vi ne povas traĵeti stonon, tie estos Buda, vi ekkonos la grandajn turojn.

Oni priskribis bele Buda'n, li imagis pli bele kaj trovis eĉ kiel plej bela.

Bela palaca urbo rigardadis sin en la spegulo de la Danubo. Kia svarmado, vigleco sur la stratoj! Kvazaŭ la tuta mondo ĉi-tie renkontiĝus. En la tendoj de la komercistoj staris la varoj en montetoj: glavoj, kirasoj, bagateloj por virinoj kaj ĉevaloj, bridoj, juvelaĵoj, silkaj ŝtofoj, multekostaj peltoj, ĉiuspecaj ledaĵoj, broditaj tukoj, per okuloj neniam viditaj, de oreloj neniam-aŭditaj kuriozaĵoj. Kaj la diversaj homspecoj el la tuta mondo! Venezianoj, germanoj, francoj, italoj, ĉiuj en sia nacia kostumo. Tie rajdas, sub la bastiono unu herostatura rajdanto, kun mortinsigno sur la ĉapo. Iu oficiro el la nigra armeo. Sur la Viena landvojo proksimiĝas sur baraktadaj ĉevaloj brile vestita grupo, inter ili ankaŭ sinjorinoj. Certe la familio Gara, jen, tie oni portas la falkojn. Proksime, ĉe la pordego de la reĝa kastelo estas granda amaso. Flankeĵetitĉapan homon ĉirkauprenas kun granda bruo gapa

popolo. Originala figuro, li havas palkoloran boton kaj uzitan pantalonon, sed sur tiuj ĉirkaŭ lia kolo eble kvin aŭ ses oraj, veluraj magnatmanteloj, kun brilaj butonoj kaj agrafoj, kiu estis sufiĉe groteska vidindaĵo, ĉar la junia sunbrilo tree bruletas la homojn.

—Vi estas bone vestita, frato—oni kriis de ĉie.

—Hm—diris gaje la maljunulo—, mi tagmanĝis ĉe la reĝo, kaj lia moŝto ne volis, ke mi malvarmumu min ĝis mia hejmo.

Kiu ne konis lin, scivole demandis kiu estas tiu stranga hometo, kiu tiel ebriiĝinte paŝas en la manteloj.

—Bona maljuna knabo — oni diras —, la kantoro de ĉi-tie, de Cinkota.

—Kaj ĝi povas vere esti, ke li tagmanĝis ĉe la reĝo, kiu la mantelojn donis al li?

Kelkaj dubis; aliaj tiris la ŝultrojn:

—Dio scias. Nia reĝo faras tion. Li estimas eĉ la malriĉulon kaj ankaŭ faras ŝercon kun li regmaniere.

Holubaron, kiu apenaŭ en tiu direkto rajdetis kun lia fidela armilportanto, okulumante dekstren, maldekstren, post iu taŭga trinkejo, oni eĉ ne rimarkis. Ne kiel en Mainz, kie oni postkuris por lin vidi, la duonurbo. Nun alitage, kiam li anoncis jam sian intencon al la palateno, ĉirkaŭkuris lia famo en la urbo:

—Do, nun estos grandaj amuzaĵoj! Estas ĉi tie unu grandtalia ĉeĥa kavaliro, iu Holubar, kiu ĉiujn venkis, kie li iradis, kiu ĝis naŭjaroj mamnutriĝis en sia infaneco, tial li estas tiel forta. Li petis la palatenon permesi al li alvoki la hungarajn kavalirojn al bravula turniro. Do, dank' al Dio estos ĉi tie vidindaĵoj kaj vigleco!

Mem, Matiaso, eksciante pri li, invitis lin en iu tempo. Ankaŭ la ĉefuloj ĉeestis:

—Ejha!—admiris Ujlaki—, kiam la terura homo envenis—, estis multe da pluvo tie, kie tiu-ĉi homo kreskis.

La reĝo ne admiris, sed afable mansignis lin, pli proksimen, kiam li sur genuoj fali volis:

—Nur staru Holubar, ni mem ankaŭ homoj estas, mankplenaj. Ni aŭdis vian estintecon, brava junkro, kaj ni konas vian intencon. Estu bone ekceptite en Buda. Ĉi tie ni vidas vin volonte kaj ni donas al vi la okazon sur la ludkampo, ke la rusto ne manĝu la armilojn. Sed tial vi ne pensu, ke vi alvenis la ĝustan lokon, ĉar ni ne donas tiel facile, kiel ĉe mia parenco Georgo en Praho.

Holubar sentemece ridetis.

—Plue vidu, ĉi tie estas ankaŭ la batalmaniero tute alia. Vi skermas laŭ itala kutimo, per akraj lancoj, ni ekkutimis la senpintajn ĵetlancojn; vi rajdegas, ni per trabantaj ĉevaloj, krome vi ne komprenas

teni la lancojn aksele per ferakso, ke ĝi ne estu malantaŭen batita, sed ĝi restu ĝustloke. Do, mi diras al vi, Holubar, gardu bone vian haŭton!

Holubar moke ridetis. La reĝo rimarkis tion kaj faldigis sian frunton:

—Ni timas, vi paŝas en ŝtono, Holubar, ni tamen subtenos vin kaj provizore ni sendas kontraŭ vi unu el la meztalentaj kavaliroj.

Holubar kolere mordetis siajn lipojn.

—Sed, se vi venkos, do bone, batalu kontraŭ niaj plej bonaj kavaliroj. Ni ne volas vin plimalgrandigi, sed indulgi.

—Mi manĝos ilin—stertoris Holubar kuraĝe, kun spireganta brusto.

—Bone, bone, se vi venkos, ni farigos vin sinjoro en nia lando sed tamen, la batalon vi komencos postmorgaŭ ĉirkaŭ la tagmezo sur la kampo de Sigismondo, kaj, ĉar vi tiel alte parolis, se tiu bravulo eble venkos vin, ni pelos vin el nia lando super azendorso, je ĉies mokado. Do, sciu, mia amiko, laŭ kio vin konduti.

Holubar volis paroli, sed Matiaso mansignis kaj la aŭskulto finiĝis, kaj li devis eliri. La nobeluloj scivole ĉirkaŭprenis la reĝon:

—Kiun vi sendos kontraŭ li, Moŝto?

—Vi ekscios tion ankoraŭ bontempe—li diris kun mistika rideto.

Je la tria tago estis la batalo fiksita. Ĉarpentistoj tage-nokte ĉarpentis la barieron, tendojn; la sidlokojn de la reĝino kaj ŝiaj korteganinoj ili tegis kun ruĝa veluro, ornamis kun ŝildoj, kverkbranĉoj. Sed tiom jam ĉiu sciis, ja estis milo kaj milo da rigardantoj. Nur unu sekreto estis: kiu estos la kontraŭulo de la fama ĉeño? Ja depost tiam ankaŭ ĉiu scias en Hungarujo, do ne indas tion longe deskribi.

(*Finota.*)

## NEKROLOGO

Bedaŭrinde ni ĵus sciis (kun granda prokrasto) la morton de la patro de S-ro. Emilio del Barrio Martín; ricevu nia fervora kaj kompetenta samideano kaj eksvictrezoristo de H. E. A., kaj ankaŭ ricevu lia estiminda familio, la koran kondolencon de la Heaanaro.

En restoracio:

—Kiel oni nomas tiun ĉi vinon?

—Kial vi ĝin demandas?—diris la kelnero.

—Ĉar ĝi estas baptita, ĝi devas havi antaŭnomon.

## VE, MILITO!

«Kio estas la milito?»
jen demando akurata
de homama la spirito
tre supere delikata.
Militado estas tute
bedaŭrinda periodo
disvolviĝadanta brute
for de ĉia justa kodo:
jarcentara la konstruo
de sinsekvaj homaj faroj
rapidkuras al detruo
—por milit' ne staras baroj!—
Dum ĝi vivas hom' sovaĝe
vivpratempon tre barbaran,
detruante tre malsaĝe,
senracie, ĉion karan.
Dum ĝi haltas civilizo;
ordo tute malaperas;
de l' justeco, vera krizo,
dum besteco nur koleras;
ĝi detruas la moralan
vere progresantan mondon,
kaj starigas pli ŝakalan
familion, ol homrondon;
ĝi fortiras de la koro
ĉian homamantan senton,
nur por krimo kaj doloro
ĝi pretigas, ve!, l' atenton.
Ĝi, reĝino kvazaŭ, tiras
sekvantaron tre kruelan,
kiu tre profunde ŝiras
koron je homam' fidelan.
Ĉu la sekvantaro? Jeno:
tre terura la malsato,
kaj pri ĉio la forpreno;
al buĉado granda ŝato;
la blasfemo ĉe la lango,
kaj freneza granda ĝojo
kiam trempas homa sango
fortajn botojn sur la vojo;
pesto, rabo kaj delogo,
trompo, cindroj kaj ruino,
kunmiksite en mondtrogo
kaj kovrite je la fino
per mantelo de la famo,
dum lumigas tutan Teron
de l' brulado ruĝa flamo
disiganta senesperon!
*For, milita senmoralo!*
*Kontraŭ ĝi ni, do, batalu;*
*ne nin trenu la Fatalo!*
*La MILIT' por ĉiam falu!*

JULIO MANGADA ROSENÖRN

(El la libro «Amelia kaj Marina»).

## BIRDINA AMO

En la Marta numero de H. E.-G. mi legas rakonteton de Turgenef pri patra amo de birdeto.

Mi nescias ĉu ĝi estas—laŭ li diras—okazintaĵo, ĉu nur frukto de verkista imagpovo; sed ĝi rememorigas min pri reala fakto, simila, kiu forte impresis min junaĝe.

Ĉar mi multe ŝatis la bestojn, ĉiutage mi ĵetis al la paseroj de mia ĝardeno panmolaĵon. Tial, la birdetoj atendis mian alvenon kaj

proksimiĝis por manĝi, sed, ruzaj kaj malkonfidemaj, ili neniam permesis, kun mia infana bedaŭro, ke mi ilin prenu en la mano.

Ian tagon, okaze ke en la domo laboris masonistoj por kalkblankigi la murojn, mi observis el fenestro ke birdo terure kriis kaj elbatis siajn flugilojn. Mi malsupreniris al la ĝardeno kaj trovis, apud la baraktanta pasero, alian silentan kaj senmovan. Mi prenis ĝin, kun granda ĝojo kaj admiro. La apuda birdeto eĉ pli forte, se eble kriis kaj baraktis. Tiam mi prenis ĝin. Ĝi estis virbirdo, facile rekonebla pro ĝiaj nigraj kolplumoj kaj estis mallibera en drata kaptilo.

Oni povas facile diveni, ke ia masonisto metis la kaptilon; la birdviro sin lasis kapti kaj la brava ino alkuris konsoli sian amaton. Tiu timema kaj malforta besteto, kies piedoj estis liberaj, restis pro birda amo pli ligata al la bedo ol la virpasero, kies krurojn premis la metala ringo.

Por trankvilo de la bestamantaj legantoj, mi aldonos, ke mi liberigis al ambaŭ—ĉar malligi al unu estis ankaŭ rompi la nevideblajn ĉenojn de la alia. Kaj ili feliĉaj flugis al nia granda cedro.

A. N. D.

---

## XIV KONGRESO DE S. A. T.

### 3-8 de Aŭgusto de 1934, en Valencio

Nur atentante ĉi tiun Kongreson de la vidpunkto esperanta, konsciante ke por la hispanoj prezentiĝas per ĝi bonega okazo sperti pri utileco de Esperanto ni kuraĝas per ĉi gazeto anonci la Kongreson nur kiel estas dirite, al sola vidigo kaj demonstracio pri utilo kaj praktikeco de la helpa lingvo internacia Esperanto, kaj rekomendi al ĉiuj membroj de Hispana Esperanto Asocio kapablaj vojaĝi al Valencio, ke ili aliĝu al la Kongreso, ke ili partoprenu la Kongreson por ĝui la kunvivadon kaj interkompreniĝon esperantan, kaj konvinkiĝi praktike pri utilo de Esperanto. Ĉiuj sin turnu al la Organizanta Komitato—strato Horno del Hospital, 12. Valencia. S-ro. R. Kiles—por peti informojn.

Aliĝu tuj kaj atentu ke aliĝinto kaj vojaĝonto al Valencio ŝparos la kotizon ĉar la fervojaj Kompanioj faris 40% da rabato por la Kongresanaro. Ĝis nun aliĝis al la Kongreso 220 gesamideanoj.

Heaanoj, helpu la laboron de la samideanoj de Valencio preninta j sur sin la taskon organizi tiun ĉi Kongreson! Ju pli ni helpos, des pli ni akcelos la disvastigon de Esperanto, kiu estas nia nepre plenumota devo! Pro ĉio ĉi tio ni faras plenkonscie kaj kore la rekomendon ANTAŬEN KUN FIDO!

# ENLANDA KRONIKO

*Barcelona.*—Rondeto de esperantistoj intencas eldoni «Gvidlibro'n hispana'n por la esperantistaro». Por tio ili petas sciigojn: 1e., pri asocioj, societoj, grupoj, k. c., kun informoj pri kotizo, nombro de membroj, kursoj gvidataj, dato de la fondiĝo, k. t. p.—2e., pri gazetoj, libroj kaj ĉiuj esperantaĵoj eldonataj.—3e., adresoj de librovendejoj esperantaj, de hoteloj kie oni uzas nian lingvon kaj de izolitaj esperantistoj. Korespondo al S-ro. Luis Martínez Ungría, C. P. Claret, 130, entresuelo. Barcelona.

* * *

*Zaragoza.*—Tieaj samideanoj eldonis folion atentante *al vivo, al virino* kaj *al infano* pri la graveco de esperanto, kaj sciigante ke en la dirita urbo oni lernigas nian lingvon en la societoj: «Esperanta Laborista Grupo», «Socialista Esperanta Grupo», «Ateneo Popular de Hernán Cortés», «Ateneo Racionalista de Torrero» kaj «Zaragoza Esperantista». Antaŭen kun fido!

* * *

*Madrido.*—Nia kompetenta kaj entuziasma samideano, pastro Mariano Mojado, daŭrigas la kurson de angla kaj hispana lingvoj per la radiostacio «Radio España» ĉiulunde, -marde, -vendrede kaj -sabate, je la 17ª kaj duono. En junio, je la sama horo ĉiulunde kaj -vendrede li komencos la trian kurson de esperanto per la sama radiostacio. Konvenas ke oni sendu gratulpoŝtkarton al dirita «Radio España» por ke ĝi daŭrigu helpante la disvastigon de nia kara lingvo.

S-ro. Julián Fernández komencis novan kurson de Esperanto en socialista rondo (str. Embajadores, 116) de la 19ª ĝis la 20ª ĉiulunde, -merkrede kaj -vendrede, kun 22 lernantoj.

* * *

*Larache (Maroko hispana).*—Nia agema samideano Aniceto Morales propagandas Esperanton en tiu urbo kaj intencas starigi baldaŭ novan grupon, kiel frukto de sia laboro.

* * *

*Sevilla.*—La tiea Vegetara Naturista Societo «Sano kaj Kulturo» organizis kurson de Esperanto gvidatan de la kompetenta samideano S-ro. Rodríguez Carrera. La lecionoj okazas de antaŭ du monatoj ĉiulunde, ĉiumerkrede, kaj ĉiuvendrede, de la 9ª ĝis la 10ª kaj duono, kaj ili estas grava propagandilo ĉe kulturaj, amuzaj, laboristaj, k. t. p. societoj. «Sano kaj Kulturo» invitas ĉiujn simpatiantojn dikigi siajn vicojn kaj proponas siajn senpagajn kursojn al ĉiu amanto de la materiala kaj morala progresado de la popoloj, ĉar Esperanto estas plej potenca ilo de tutmonda frateco.

# EKSTERLANDA KRONIKO

*Antaŭkongreso en Malmö.*—Survoje al Stockholm oni povas halti merkredon, la 1-an de aŭgusto, en Malmö (la tria sveda grandurbo, en la suda provinco Skanio), por ĉeesti antaŭkongreson kaj viziti ĵaŭde kaj vendrede la Skanian Foiron. Kongreskotizaĵo estas nur kvin svedaj kronoj, sendotaj antaŭ la 1-a de julio. Laŭ interkonsento kun la direkcio de la Svedaj Ŝtatfervojoj, oni aranĝis kune kun la Esperanto Turista Komisiono specialan kongresvagonaron inter Malmö kaj Stockholm, en kiu rajtas vojaĝi (kun tre rabatita bileto), nur la anoj de la diversnaciaj karavanoj, kaj la svedaj samideanoj, kiuj komencos la veturon en Malmö.—Adreso: Klubo Esperantista. Esperanto-kongreso 1934. Malmö (Svedujo).

*Antaŭkongreso en Oslo.*—Kongresistoj de Stockholmo povas profiti la vojaĝon al Skandinavio por viziti la ĉefurbon de Norvegujo laŭ jena programo:

Ĵaŭde la 2-an de aŭgusto.—Alveno plej malfrue je la 13ª.—Je la 15ª rondveturado en Oslo kaj ĉirkaŭaĵoj ĝis la Norvega Popolkultura Muzeo, vizitota je la 16,30ª; poste vizito en la domo de la vikingaj ŝipoj.—Je la 17,30ª reiro al Oslo per ŝipeto kaj tramo, kaj alveno en centro de Oslo je la 18ª.—Je la 20ª, komuna manĝado en la hotelo de K. N. A. (Reĝa Norvega Aŭtomobilklubo), kabareto kaj dancado ĝis la 2ª.

Vendrede, je la 9,30ª vizito en la Nacia Galerio, salono de la pentristo Munch.—De la 11ª ĝis la 14,30ª, ŝipekskurso inter la insuletoj kaj rokoj en la belega okcidenta parto de la fjordo.—Je la 15ª, lunĉo en restoracio Skansen. Posttagmeze je libera dispono.—Je la 19ª, forveturo al Stockholm de la orienta stacidomo.

Kongresa karto kostas 18 norvegajn kronojn, enkalkulite la menciitaj manĝoj.

*Postkongreso en Visby.* — Visby, la sveda urbo «de rozoj kaj ruinoj», akceptos la kongresistojn de Stockholm laŭ la jena programo:

11 aŭg.: alveno de Stockholm per ŝipo.

12 kaj 13: vizito de ruinoj kaj muzeoj.

14: ekskurso sur la kamparo de la insulo. 15: reiro al Stockholm.

La ekskurso al Visby kun veturoj, loĝo (tri kategorioj), manĝo kaj enirbiletoj de muzeoj kostas: kategorio A, 35 svedajn kronojn; B, 50; C, 60.

*Aliaj poŝtkongresaj ekskursoj.*—Oni organizis ankaŭ ekskursojn al Lapolando, norde de la polusa cirklo, kiu kostas 150 sv. kr.; al Jämtland, 70; kaj al Tallinn (Estonio), Leningrado, Moskvo kaj Varsovio, 310. Ĉiu sveda krono valoras proksimume du pesetojn.

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

*MODERNA VORTARO ESPERANTO-JAPANA.* — Jen bele eldonita libro 482-paĝa; formato 14×8; prezo, 4 svisaj frankoj; kun pli ol dekmil radikvortoj.

Ĝi enhavas, krom la citata vortaro, la plenan gramatikon ĉerpitan el la Fundamenta Krestomatio (kun japana traduko). Kaj en japana lingvo: la prononcon de ĉiuj literoj de nia alfabeto, gramatikon de Esperanto kun klarigo pri ĉiuj afiksoj kaj kunmeteblaj prepozicioj, interesajn detalojn pri verkoj, gazetoj, organizo, diversnaciaj monsistemoj, k. c. Fine la himnoj *La Tagiĝo*, de Gabrovsky, kaj *La Espero*. Korekte redaktita, ĝi estas bela propagandilo en esperantaj rondoj.

*PRAKTIKA GVIDO DE KORESPONDO EN ESPERANTO.*—308-paĝa; formato 19×13; prezo, 6,90 svisaj frankoj.

Ankaŭ eldonita de niaj japanaj samideanoj, korekte redaktita, kun bona ujo. Ĝi enhavas, krom modeloj de leteroj kaj poŝtkartoj, bildojn de poŝtmarkoj havantaj esperantan tekston, de esperantaj markoj, de migrantaj poŝtkartoj, k. c.; frazojn pli uzatajn en korespondo por gratuli, kondolenci, adiaŭi, k. t. p.; fremdajn vortojn uzatajn en adreso aŭ por poŝtaj indikoj: redakton de telegramoj; instrukciojn por ordigo de korespondado, adresaro de korespondanto, maŝinskribado kun esperanta klavaro; iajn esperantajn verkojn, precipe pri stenografio kaj komerco.

Ĝi estas tiel rekomendinda verko kiel la vortaro, por propagandaj celoj.

*FILOZOFIA VORTARO.*—Kompilita de D-ro. Stan Kamaryt; eldonita de moraviaj esperanto-pioniroj. 170-paĝa; formato 17×12.

Ĝi klarigas proksimume 250 vortojn. Ĉia vorto (kun traduko angla, ĉeĥa, franca kaj germana) estas amplekse studata klare kaj kun multenombraj citoj el filozofoj de ĉiuj epokoj kaj landoj. La stilo estas korekta; tamen ni devas mencii 3-4 vortojn ne tute bonajn, kiel *agnostikismo* (anstataŭ *agnosticismo*), *akcidenco* (a. *akcidento*), *sensaco* (a. *sensacio*); sur la paĝo 121 oni legas: «doktrino de *samtempaj* filozofoj»; ĉu volas signifi *nuntempaj*? Sed tiaj bagatelaĵoj ne malbeligas la tekston. La libro tre taŭgas kiel porkonsulta verko.

---

## IO EL ĈIO

### UNU MALGRANDA RONDO FAMILIA

Ni ricevis leteron de samideano pri starigo de nova grupo. Li nin sciigis: «Ni ĉiuj estas samfamilianoj, nome: kvar geedzoj, du geavoj, kvar gepatroj, tri gefiloj, tri genepoj, kvar gefratoj, kvar geonkloj,

kvar genevoj, kaj kvin gekuzoj ne enkalkulinte la boparencojn. Per poŝta ĝiro vi ricevos la monon pri nia aliĝo al H. E. A.»

La sekretario kredis ke la grupo konsistis almenaŭ el 33 personoj, sed la trezoristo nur ricevis la monon pri aliĝo de sep novaj membroj. Kiel tio povas esti?

——o——

## POR KIO TAŬGAS TIUJ ILOJ?

. ilo, — por kalkuli.
. . ilo, — por ĉirpi.
. . . ilo, — por pafi.
. . . . ilo, — por manĝi.
. . . . . ilo, — por tinkturi.
. . . . . . ilo, — por produkti aroman oleon.
. . . . . . . ilo, — por vojaĝi.

Nenia el tiuj vortoj estas kunmetita.

*(La solvoj, sur venonta numero.)*

——o——

## SOLVOJ DE LA PROBLEMOJ DE LA NUMERO 36

*Ĉu la numeroj mensogas?*—La knabo havis tridek oranĝojn; li devis enspezi kvindek centimojn. La knabino havis ankaŭ tridek oranĝojn, tio estas, dek kvin grupoj el du oranĝoj vendotaj po kvin centimoj ĉiu grupo; ŝi devus enspezi sepdek kvin centimojn, sed pro la kunigo de la fruktoj, ŝi vendis dek oranĝojn (tio estas, kvin grupojn) por dudek centimoj, anstataŭ vendi por dudek kvin. Jen la diferenco.

*La inoj de la hejmo.*—Vino, spino, maŝino, ilumino, nikotino, naftalino, kudrmaŝino.

——o——

## KORESPONDADO

*J. B., Palma de Mallorca.—Dr. L. kaj aliaj samideanoj, Logroño.*—Kvankam artikolo publikigita en *A B C* (28ª aprilo) pri Esperanto ne estas tute favora al nia lingvo, ĝi estas propagandilo. Tio signifas antaŭenpuŝon en ĵurnalo, kiel *A B C*, kiu ŝajnas ne simpatii kun Esperanto kaj ĝia interna ideo, ĉar dum multaj jaroj nenion publikigis pri la lingvo zamenhofa.

*L. S., Almería.*—Dankon pro viaj rimarkoj. Pri tranĉado de la folioj per gilotino ni ja pensis, sed tio malgrandigas la marĝenon por poŝta bindado. La liston de la pagintoj ni devis publikigi fragmente, ĉar unuj pagis akurate, kaj aliaj en majo.